13-a jaro. — N-ro 5 (147) MAJO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Konstantaj kunlaborantoj : M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 12,50
EKSTERLANDE : Belgoj 4.—
ANTVERPENO
1927

13a JARO N-ro 5 (147) MAJO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 54374

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.



## XVIa BELGA ESPERANTO-KONGRESO

**MONS, 4, 5, 6-an de Junio 1927 (Pentekosto).**

Estimataj Geliganoj,

Ni havas la honoron inviti vin ĉeesti la Ĝeneralan Kunvenon de «Belga Ligo Esperantista» kiu okazos en Mons, dimanĉon, 5an de junio 1927, je la 10-a matene en la urbdomo.

Tagordo:
1) Alparolo de la Prezidanto;
2) Raporto de la Ĝenerala Sekretario;
3) Raporto de la Kasisto;
4) Propagando en la Universitatoj. — D-ro P. Kempeneers.
5) U. E. A. agado dum 1926. — Raporto de la Ĉefdelegito.
6) Diversaj komunikaĵoj.

---

Ni faras varman alvokon al ĉiuj niaj geamikoj por ke ili ĉeestu nian jaran kunvenon kaj ni petas la grupestrojn, ke ili bonvolu klopodi por ke iliaj grupanoj iru multnombre al Mons ĉerpi novajn fortojn por daŭrigi pli vigle ol iam nian pacan bataladon.

Esperante je granda ĉeestantaro, ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

Je l'nomo de la Ligestraro:
la Ĝenerala Sekretario,
HENRI PETIAU.

---

### PROGRAMO DE LA KONGRESO.

**Sabaton 4an de junio 1927.**

17a h. Malfermiĝo de la Akceptejo: «Hôtel de l'Espérance», rue de la Station (kontraŭ la stacidomo).

19a h. Intima kunveno en la akceptejo.

20a h. Publika propaganda parolado en la urbdomo.

21a h. Ĝenerala Labora Kunsido en la urbdomo.

**Dimanĉon 5an de junio 1927.**

9 1/2 h. Kunveno de la kongresanoj en la Akceptejo por iri grupe al la monumento de la Mons'aj herooj mortintaj dum la granda milito.

10a h. Oficiala akcepto en urbdomo.

10 1/2 h. Ĝenerala kunsido de «Belga Ligo Esperantista» en la urbdomo.

13a h. Fotografado de la kongresanoj en «Waux-Hall».

13 1/2 h. Festeno en «Waux-Hall».

17a h. Vizito de la urbo.

20a h. Arta festo kun balo en «Waux-Hall».

**Lundon 6an de junio 1927.**

9a. h. Kunveno en la akceptejo por forveturi al Beloeil.

---

N. B. — La kongreskarto kostas Fr. 10. — po persono inkluzive la enirprezon en la parko de Beloeil.

Le festeno kun 1/2 botelo da vino, kostas Fr. 22.50.

LOĜADO. — Ĉambroj estas haveblaj po Fr. 10, 15, 20, k.t.p. oni precize diru kion oni deziras: ĉambron kun unu aŭ pliaj litoj por unu aŭ du personoj.

Oni mendu senprokraste kaj oni ne estu tro postulema ĉar ne ekzistas multaj hoteloj en Mons!

Por ĉiuj mendoj kaj informoj oni sinturnu ekskluzive al la Ĝenerala Sekretario de la Ligo S-ro Henri Petiau, Boulevard St. Liévin, 60. St. Lievenslaan, Gento kaj oni pagu al la ĉekkonto No 1337.67 de Belga Ligo Esperantista, Gento.

---

## GRAVA SUKCESO POR LA KONGRESO.

La Administracio de la fervojoj ĵus konsentis rabaton de 35 % je la ordinaraj prezoj de la biletoj **por ĉiu kongresano invidue** kiu ricevos specialan karton por aĉeti sian bileton:

1. — a) Ĉu al Mons kaj revene;

b) Ĉu al Mons nur ire.

2. — De Beloeil al sia loko.

3. — De Mons al Beloeil oni vojaĝos kune per societa bileto ankaŭ je 35 % da rabato.

Jen do ĝojiga novaĵo kiu certe incitos multajn Samideanojn ĉeesti la kongreson!

Estas necese, ke oni diru ĉu oni ĉeestos la ekskurson al Beloeil por ricevi la taŭgan karton.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## RAPORTO PRI LA AGADO DUM LA JARO 1926.

Estimataj geliganoj.

Ni certe mankus je plej simpla devo ne dankante ree la organizintojn de la lasta kongreso, kiu tiel bone sukcesis. La kongresorganizado estis rimarkinde bona dank'al la klopodoj de ĉiuj «Mara Stelo'anoj» kaj precipe de S-ro Van Doren, kiu estis la vera animo de la tuta afero. Estas vere kuraĝige por ni konstati, ke Esperanto povas naski tian entuziasmon kaj sindonemon! Juĝinte ĝiajn direktantojn laŭ ilia labormaniero, ni ne dubas, ke «Mara Stelo» fariĝos baldaŭ unu el niaj plej viglaj grupoj. Ke ĝi prosperadu kaj konservu la bonan samideanan spiriton, kiun ĝi montris dum la kongreso, estas nia plej sincera deziro!

Finante nian lastan raporton ni deziris, ke 1926 estu la jaro de la «ĝoja efektiviĝo». Nu, tiu deziro plej kontentige realiĝis. Efektive, la pasinta jaro estis tre fruktodona. La grupoj plej ageme laboris kaj inter ili ni devas speciale gratuli «Verda Stelo'n» el Antverpeno, kiu restas nia plej bona subtenanto havigante al la Ligo multajn membro-abonantojn: «Bruĝa Grupo» plej bone propagandis sub la lerta gvidado de sia prezidanto S-ro Dervaux. La lasta kurso kiun li organizis kalkulis pli ol 125 gelernantoj el kiuj multaj fariĝis anoj de la Ligo. La «Brusela Grupo» ankaŭ montris sin tre agema kaj ĝi donis al ni tre efikan kunhelpon. Tutspecialan dankon ni ŝuldas al la estraro de «Genta Grupo» kaj precipe al ĝia kasisto S-ro Deman, kiu, el la profito de la propagandaj festoj kiujn ĝi organizis, donacis pliajn gravajn sumojn al la Ligo por ebligi al ĝi propagandajn entreprenojn. La grupoj el la Panne, Mehleno, Sankta Nikolao, «Progreso» en Gento, ankaŭ bone laboris organizante propagandajn paroladojn kaj kursojn, kiuj havigis al la Ligo novajn membrojn. En Verviers la grupo daŭrigis la oficialan kurson por la lernantoj de la 4a grado de la urbaj lernejoj kaj ricevis de la urbo gravan monhelpon por la organizado de tiu kurso.

Je sia flanko, la Ligestraro sisteme organizis la ĝeneralan propagandon kaj sukcesis starigi du novajn grupojn: «Grupo de Esperantista Junularo» en Bruselo kaj «Esperantista Grupo» en Thienen - Tirlemont. Tiu ĉi lasta sub la gvidado de S-ro Carlier, prezidanto, profesoro ĉe la Provinca Normala Lernejo, kaj S-ro Rodeyns, vicprezidanto, helpanta Policestro, tre praktike laboras kaj jam kalkulas pli ol 50 membrojn. En Braine-l'Alleud, nia vicprezidanto S-ro Cogen faris tre sukcesintan paroladon por la malnovaj lernantoj de la tiea industria lernejo kaj tuj organizis kurson kiun gvidas nia amiko Bas el Bruselo. Ni esperas, ke baldaŭ ni povos ankaŭ starigi tie novan grupon.

Sed la plej grava sukceso estis la disaŭdigo de Esperanto-kursoj ĉe Radio - Belgique el Antverpeno kaj Bruselo. Dank'al la lerteco de iliaj

gvidantoj, S-roj Jaumotte kaj Mathieux, tiuj kursoj havis eksterordinaran sukceson, pli ol 1200 personoj aĉetis la lernolibrojn kaj multaj el ili sendis al la profesoroj ekzercojn tre bone verkitajn, kiuj pruvas, ke la kursoj estis bone gvidataj. Ni plej kore gratulas niajn amikojn Jaumotte kaj Mathieux pro ilia sukceso kaj ni esperas, ke estonte ni povos ankoraŭ kalkuli je ilia valorplena kunhelpo.

La «Gazetaro Servo» ankaŭ tre regule funkciadis kaj dissendis multnombrajn komunikaĵojn al ĉiuj gazetoj, kiuj pli kaj pli represas niajn informojn. Tio estas unu el niaj plej bonaj propagandrimedoj kiun ni plej zorge daŭrigos.

Ni do povas konkludi dirante, ke la rezultato de la pasinta jaro estas tre kontentiga kaj ke la estonteco montriĝas tre favora.

Dum la pasinta jaro ni povis eldoni 9 numerojn de «Belga Esperantisto» enhavantajn entute 200 paĝojn da teksto. Teknikaj malfacilaĵoj kelkfoje kaŭzis neregulecon en la aperado. La Ligestraro nenion preterlasos por eviti tiun malagrablaĵon sed estas la nepra devo de ĉiu grupo ĝin helpi varbante multajn membro-abonantojn kaj kelkajn anoncojn. Ne helpas kritiki kaj plendi sed kunhelpi plej efikas! Ni ekkaptas la okazon por tie ĉi danki la «Bruĝan Grupon», kies prezidanto S-ro Dervaux, de 3 jaroj havigas du paĝojn da anoncoj por B. E. S-roj De Boes kaj Baesens, respektive prezidantoj de la grupoj el Sankta Nikolao kaj Mehleno ankaŭ helpas. Se ĉiuj grupoj same agus, ni ne plu devus barakti en monmalfacilaĵoj kaj ni povus entrepreni sisteman propagandon kaj serioze antaŭenpuŝi nian aferon. Se ĉiu el niaj membroj volas fari sian minimuman devon, ni povas havigi almenaŭ 11 kajerojn (kiel antaŭ la milito) kaj redoni al nia revuo la kovrilon, kiun ĝi antaŭe havis.

Ĉiu do helpu kaj ni sukcesos!

Kiel kutime, la Ligestraro devis prizorgi nian ĉiujaran nacian kongreson; ĉar la ĉefa celo de tiu Esperanta manifestacio estas la propagando, ni elektis la urbon Mons por tien disĵeti la bonan semon kaj poste starigi grupon.

La kongresorganizado plej kontentige fukcias dank'al la kunhelpo de S-ro Casy, kiu certe sukcesos aranĝi plej agrablan restadon en sia urbo.

Ĉiuj do al Mons por nova venko, kaj Vivu Esperanto!

HENRI PETIAU.

---

## RAPORTO DE LA KASISTO AL LA ĜENERALA KUNVENO DE 1927.

Karaj Gesamideanoj,

La jaro 1926a, je financa vidpunkto, estas kontentiga por la Ligo.

Nia budĝeto fariĝis pli grava, tio estas ke niaj enspezoj kaj elspezoj atingis pli grandajn sumojn ol antaŭe.

La enspezoj pasis de 6779.55 fr. al 8522.— fr.
La elspezoj pasis de 6473.20 fr. al 7368.91 fr.
La aktivaj saldoj estos do respektive: 306.35 fr. kaj 1153.09 fr.
Jen kelkaj detaloj:

| | | |
|---|---|---|
| Enspezoj: | Kotizoj | Fr. 783.— |
| | Donacoj | Fr. 903.25 |
| | Belga Esperantisto | Fr. 5163.— |
| | Diversaĵoj | fr. 322.75 |
| | Donacoj por Radio - Kurso | fr. 1350.— |
| | Sume: | Fr. 8522.— |
| Elspezoj: | | |
| | Presaĵoj por propagando kaj diversaĵoj | Fr. 1215.95 |
| | Belga Esperantisto | Fr. 5132.96 |
| | Radio - Kurso | Fr. 1020.— |
| | Sume: | Fr. 7368.91 |

Tiun kontentigan rezultaton ni ŝuldas grandparte al la malavarema helpo de la Gento Grupo, kiu dufoje faris al la Liga Kaso donacon de 500 frankoj: unue por la ĝenerala propagando kaj due por la Radio-Kurso. Tiuj gestoj estas tro laŭdindaj por ke mi ne tiru vian atenton pri ili, kun dankemo al niaj gentaj amikoj... kaj kun espero ke ilia ekzemplo estos imitata...

Uccle, la 1an de Majo 1927.

F. MATHIEUX, Kasisto.

---

## NIA EKSKURSO.

# BELŒIL

Mi ĉerpis la jenajn informojn pri Beloeil el la franca gvidlibro eldonita de Félicien Leuridant:

Beloeil devenas el la latina vorto «Balliolum», kiu signifis dum la roma periodo: fortikigita loko.

Beloeil estas nobelbieno apartenanta al la familio de Ligne, unu el la plej malnovaj kaj famaj el Eŭropo; ĝi datumis jam de la 11-a jarcento, kiam Jeanne de Condé edziniĝis kun Fastre de Ligne. La praul-oj interligiĝis kun la ĉefaj princoj el ĉiuj nacioj, kies valoro egalis ofte tiujn de reĝoj. La tiam regantaj princoj estis apostoloj de amo kaj de paco.

Princo Claude Lamoral II de Ligne farigis la ravajn francajn ĝardenojn. Henri Lebasteur skribis pri tiu bieno: «Beloeil estas la belga Versailles».

Charles Joseph, filo de la antaŭcitita princo, enkondukis la anglan arton en la kulturon. — Tiu princo estis same lerta en la literaturo kiom en siaj diplomatiaj rilatoj. Lia kastelo similos palacon. Li akiris riĉajn kolektojn antikvaĵojn, porcelanaĵojn, pentraĵojn, ĉiuspecajn artaĵojn. Mi ne kopios ilian liston, ĉar la nombro de la objektoj estas senfina. Mi ankaŭ ne priskribos la heroaĵojn de tiu vere superhoma princaro, mi nur modeste skizos la vastajn parkegojn, kies promenado estas festregalo.

La bieno okupas 60 hektarojn. La fasado de la kastelo spegulas sin en lago de ses hektaroj. Malantaŭ tiu kristala akvofluaĵo etendiĝas larĝa vojo unuhoron longa. Ĉiuflanke estas plantitaj jarcentaj arboj, luksaj florbedoj; troviĝas grotoj, arkoj, portoj belformaj, fontoj, akvofaloj, lagoj, insuletoj, boskoj, statuoj, ktp. Ĉiuloke: graciaj vidaĵoj.

Kanaloj ĉirkaŭas la bienon. Apenaŭ enirante, oni jam estas ravita de la diafana aero, de la mola, freŝa, verda tapiŝo sub la piedoj, enspirante plenbruste la puran aromon de la herbdensaĵo, vidante la riĉe nuancitan foliaron.

Sub la unua ponto, kiun oni trapasas, super verda lago oni aŭdas strangan bruegon: estas grandegaj karpoj, kiuj malfermante verajn faŭkojn postulas panpecojn de la pasantoj, samtempe cignoj majestaj profitas de la kaptaĵo.

Forlasante la fiŝojn kaj postirante la angulon oni ekvidas kampon de belkoloraj floroj, vere rozan, parfumitan mantelon ĉirkaŭatan de tilioj, kies branĉoj ŝirmas «begoniojn».

Post kelkaj minutoj alia lago sin montras, lago kun multaj ruĝaj fiŝoj kiuj vere konkuras por fari belegajn desegnaĵojn sur la ondo per siaj plaĉaj movoj. Ili vivas kviete, kvazaŭ en monahejo laŭ la densa branĉzono kiu ilin enŝlosas.

Nun oni alvenas al la «speguloj», glataj, helaj, senmovaj akvamasoj. Mirinda elpensaĵo!

En alia loko, tute mistere, vojeto kondukas al kaskadeto, kie benko invitas por flustri amkonfidojn. Ĉarma rivereto zigzagas ĝis la renkonto de tri gaje spruĉantaj fontanoj. Enirante tiun kvietan lokon, oni ree entuziasme regalas siajn okulojn vidante gigantajn laŭbojn kaj tiliojn ĉirkaŭantajn la lagon, antaŭ la kastelo.

La «Groupe de Neptune» troviĝas antaŭ la domego. Tiu grupo datumas de 1761. Malantaŭe etendiĝas la arbaro. Ĝin trapasas larĝaj vojoj el kiuj la kastelo estas videbla. Dekstre staras la «florkulturejo». Ekstaze oni promenadas en arbetaĵoj similantaj konstruaĵon kun pordoj kaj fenestroj arte faritaj kun la branĉoj. Tiuj lokoj estas nomitaj : salonoj.

La «Bassin des Dames», banloko por sinjorinoj estas atingebla per ĉarmaj vojetoj. Tie ankaŭ artistoj faris mirindaĵojn per branĉdrapaĵoj.

Sen speciala permeso oni povas viziti nek la florvarmejojn, nek la

legomkulturejon — ankaŭ ne la kampon kie vivas libere, dekkvino da damcervoj.

En «Le Temple de Morphée» la preterpasantoj povas ripozi sur benkoj, samtempe ĝuadi la novajn artajn vidaĵojn kaj rimarki la ruinojn de la antikva templo: marmoraj kolonoj kaj seĝoj rompitaj.

Nun oni vagas trans la vojoj de la anglaj ĝardenoj ornamitaj per multkoloraj floroj, plantitaj de plej bela kolekto de arboj, kies foliaro majeste balanciĝadas en la ĉielbluo.

Apud rivero oni malkovras «l'Ile de Flore», mirindan vidaĵon, kies ĉarmo estas nekomparebla.

Fine oni alproksimiĝas ree la enirejon, preterpasante diversajn belegajn floıbedojn kaj enŝipigejon kun belaj boatetoj.

Oni povas eliri tra la «Manège», ĉirkaŭata per herbejo kaj akvo.

Vasta terparto estas konsentita por la uzo de vilaĝanaj ludoj kaj konkursoj. Multaj festos okazas ofte en la bieno kiujn granda popolamaso kaj urbanoj ĉeestas.

Ĉiujare dum Pentekosto fama foiro okazas en la vilaĝo de Beloeil.

Tradukis: F. STAES - VANDERVOORDE.

---

# LA KAMPARANO EN LA ĈIELO

## (EL LA RAKONTOJ DE FRATOJ GRIMM).

Iufoje mortis bona vilaĝano, kiu alvenis al la pordo de l'paradizo. Samtempe mortis riĉa, riĉa landsinjoro kiu ankaŭ supreniris al la ĉielo. Sankta Petro alvenis kun siaj ŝlosiloj, malfermis la pordon kaj enirigis la sinjoron; sed, sendube, li ne estis vidinta la kamparanon, ĉar li lasis lin ekstere kaj fermis la pordon. La kamparano aŭdis la ĝojan akcepton kiun la ĉielo faris al la riĉulo per kantado kaj muziko. kiam ĉesis la bruo, sankta Petro revenis kaj enirigis la malriĉan viron. Ĉi-tiu, supozis ke, je sia eniro, la kantado kaj muziko rekomencus; sed ĉio restis senbrua. Oni akceptis lin bonkore, la anĝeloj proksimiĝis je li ; sed neniu kantis. Li demandis al Sankta Petro kial la muziko ne ludiĝis por li kiel por la riĉulo, kaj ĉu la partieco estadis en la ĉielo kiel sur la tero.

« Ne, respondis la sanktulo, ci estas al ni tiel kara kiel kiu ajn alia, kaj ci ĝuos, egale kiel tiu, kiu jus eniris, la ĝojon de l'paradizo; sed, komprenu, mizeraj kamparanoj kiel ci, eniras ĉiutage ĉi-tien, dum ne venas unu riĉulo ĉiucentjare. »

Tradukis L. COGEN.

---

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — LA VERDA STELO. — Sabaton la 2an de Aprilo, nia rumana samideano S-ro Prager el Bukarest, faris tre interesan paroladon pri la Rumana Literaturo. Li parolis pri Michail Eminescu kaj Bratescu Voinesti, kaj legis kelkajn belajn esperantajn tradukaĵojn de poezioj kaj noveleton («Niketo»). Jen bona rimedo por literatura propagando.

Lundon, la 4an, okazis en «Café Suisse», la diplomdisdono al la lernantoj, kiuj sekvis la kursojn organizitajn de la Verda Stelo S. s. p. c. La Prezidanto, S-ro M. Jaumotte, malfermis la kunsidon gratulante la profesorojn, F-inon C. De Buysser kaj S-ron H. Vermuyten, kien senlaca sindonemo akirigis jenan kontentigan rezultaton:

S-ro M. Roost akiris 96 poentojn; S-ro G. Bastiaenssen 92; S-ro H. Reis, 84 1/2; F-ino Schoovaerts, 78; S-ro C. De Cort, S-ro Istinne, 67; S-ro Schreiber 61 1/2; S-ro Schoutens, 60.

S-ro Fr. Schoofs, honora Prezidanto, gratulis la diplomitojn. Unu el ili, S-ro G. Bastiaenssen tre lerte dankis sian profesoron kaj la estraron. Jen por Profesora sindonemo la plej bela rekompenco.

Tiu vespero estis agrabligita per muziko kaj deklamado. S-ino Lucette Faes kaj F-ino Jeanne Van Bockel talentplene pianoludis; F-ino Jacobs bele kantis kaj S-ro H. Vermuyten deklamis. Ĉiuj cititaj gegrupanoj estis varmege aplaŭditaj. Fine aŭdigis sin S-ro Gustave Van Reeth, violonĉelisto, kies ludado estas sentoplena kaj belsona. La tuta ĉeestantaro pruvis sian kontentecon per longaj kaj viglaj aplaŭdoj. La festo tre agrable finiĝis per dancado, kaj ĝis la fino regis intima kaj gaja atmosfero.

Sabaton, la 9an, okazis la Ĝenerala Monata Kunveno.

Sabaton, la 16an, intima vespero kunigis la membrojn. Post ĝenerala babilado oni dancis.

Sabaton, la 23an la lasta vintra balo okazis en salonego «Patria» ; Multnombra ĉeestantaro dancadis laŭ la vivoplenaj ritmoj de bruema «Jazz-Band».

La 30an la «Verdstelanoj» pasigis gajan vesperon en la «Pulĉinela Kelo» kie oni ludis «La Marbatalo de Palestino» kun esperanta prologo, kies tekston ni presas en la nuna kajero.

La 26an de Aprilo la grupo komencis novan kurson, kun tridek partoprenantoj. Bonega rezulto!

BRUSELO. — La 21an de marto Samideano Deleener faris interesan paroladon pri «orminejo» ; krom la grupanoj, kelkaj lernantoj de la unua grado kaj de la Radio kursoj ĝin ĉeestis kaj bone komprenis la parolinton, kiu tre klare parolis.

La 10an de Aprilo okazis en «Palais Mondial» kunveno de la lernantoj de la ĵus finita Radio-Kurso invititaj de ilia profesoro S-ro Mathieux por interkonatiĝi kaj preni kontakton kun la esperanta mova-

do. S-ro Paul Otlet, direktoro de «Palais Mondial» akceptis ilin kaj diris kelkajn vortojn pri la rilatoj inter Esperanto kaj la mondo organizado. S-ro D-ro Kempeneers, prezidanto de la «Brusela Grupo», parolis pri la formado de Esperanto, ĝia internacia organizado kaj pri la fakaj asocioj.

S-ro Mathieux gratulis siajn lernintojn kaj konsilis al ili fariĝi agemaj esperantistoj aniĝante al B. L. E. kaj al U. E. A. kaj ĉeestante nian proksiman kongreson.

Poste la ĉeestantaro, proksimume 75 fervoruloj, vizitis la esperantan fakon de «Palais Mondial», kiu estas nun bone ordigita.

La rezultato de la Radio - Kurso estas tre kontentiga ĉar multaj el la lernintoj jam fariĝis membro- abonantoj de B. L. E.

Dank'al al la kunhelpo de «Belga Esperanto - Instituto» la «Brusela Grupo» aranĝis deponejon de esperantaj lernolibroj en la librejo de S-roj Mayolez kaj Audiarte, rue Lebeau, 17, Bruselo.

SANKTA NIKOLAO. — Sabaton 26an de Marto okazis vespermanĝo kiun ĉeestis dudekon da membroj de la tiea grupo kaj ok gesamideanoj el «Verda Stelo» el Antverpeno. Plej gaja estis la festeno dank'al al la bonaj vinoj kaj manĝaĵoj. S-ro De Boes, prezidanto de la grupo, bonvenis la ĉeestantaron kaj insistis pri la neceseco praktike labori por nia afero. Li legis senkulpigajn telegramojn de S-ro Petiau, Ĝenerala Sekretario de la Ligo kaj Gesinjoroj Van Haver - De Boes, kiuj ne povis ĉeesti pro malhelpo. S-ro Geerinck, vicprezidanto, atentigis pri la lastaj sukcesoj de Esperanto kiuj devas nin kuraĝigi. S-ro Schoofs dankis je l'nomo de B. L. E. kaj S-ro Jaumotte je l'nomo de «Verda Stelo»; ambaŭ gratulis S-ron de Boes kaj lian grupon pro la bona esperanta spirito kiu ekzistas en Sankta Nikolao.

Poste estis la vico de la muziko kaj kanto. Oni tre aplaŭdis F-inojn Poppe, Van Haver kaj Van Havermaet; S-rojn de Clippeleir, Van Ghendt, Verhofstadt, Van Haver, Rumes, Vermandere kaj Jaumotte, kiuj tre amuzigis la kunvenintojn.

Fine oni dancadis tiel malfrue, ke la polico devis memorigi al la dancemuloj, ke estas tempo por reiri hejmen!

Tiel finiĝis tiu agrabla festeto pri kiu la ĉeestintoj konservos plej agrablan memoron.

La nuna estraro de la grupo konsistas el: S-roj De Boes, prezidanto; Geerinck, vicprezidanto; Van Ghendt, Sekretario; Beirens, kasisto; de Clippeleir, komitatano.

Grupsidejo: «Rome», Kardinaal Mercierplaats.

Adresoj: de la prezidanto: Prins Albertstraat, 24; de la Sekretario: Landbouwersstraat, 75.

TIRLEMONT. — La nova grupo tre bone progresas kaj plej ageme propagandas dank'al al la bona gvidado de S-roj Carlier kaj Rodeyns. Ĝi jam kalkulas pli ol 50 membroj preskaŭ ĉiuj membro-abonantoj de B. L. E.

# BELGA GAZETARA STATISTIKO

En Marto ni ricevis 29 notojn pri Esperanto el 17 gazetoj de 6 lokoj: 14 en flandra, 13 en franca kaj 2 en angla lingvo.

En Aprilo ni ricevis 33 notojn pri Esperanto el 8 gazetoj de 8 lokoj: 24 en flandra lingvo kaj 2 en franca lingvo.

Ree ni insistas pri la fakto, ke la materialo ricevita tute ne reprezentas la realecon. La grupestraroj bonvolu nin helpi per kolektado de la eltranĉaĵojn el la gazetoj de sia loko, kaj ilin sendi al ni. Ĉiu faru sian malgrandan devon, kaj komprenu, ke la Estraro de la Ligo sentos sin plene rekompencita, se ĝi povos konstati la rezultojn de sia laboro.

F. SCHOOFS.

---

# EL NIA RONDO

## GRATULOJ.

S-ro GUSTAAF BEIRENS, kasisto de la grupo «Al Triumfo» de St. Niklaas (W.), edziĝis kun F-ino ESTHER WEEMAES, la 23an de Aprilo. Plej korajn bondezirojn!

---

## NEKROLOGO.

Sinjorino EMILE ROOST, patrino de F-ino Germaine Roost kaj de S-ro Marcel Roost, membroj de «La Verda Stelo», Antverpeno, mortis 55-jara la 27an de Aprilo. Al niaj du funebrantaj samideanoj kaj al ilia estimata familio ni prezentas nian sinceran kondolencesprimon.

---

## EL FREMDA LITERATURO.

# LA NEKONSOLEBLAJ!

de A. VLAHUTA. (1)

Estas klara mateno aŭtuna.

La tombejgarditsto balaas de sur la tomboj la foliar-tavolon falintan dum la nokto. La maljunulo havas siajn mortintojn, kiujn li amas; li zorgas pri ilia ripozo, kaj, kiam la vivantoj forgesas alporti al tombo florkronojn kaj lucernoleon, paĉjo Simion malĝoje proksimiĝas al la ripozejo de la forlasito kompate rigardas la sekiĝintajn florojn kaj la estingiĝintan lucernoleon kaj movante la kapon, li ekparolas la mortinton kaj ĝemas...

— Jen, mi ja sciis ke ili vin forgesos!... Neniu plu vizitas vin... Kial ĝi interesu ilin ? Ili trinkas, manĝas, festenas... atendu, ilia vico ankaŭ venos... mi kvazaŭ vidas ilin — morgaŭ la unua, postmorgaŭ la dua, enirante tra tiu-ĉi pordego kun la plandoj antaŭe kaj ankaŭ por

---

(1) La nomon de la aŭtoro legu: Vlahuca.

ili la idoj ploregos, unu aŭ du tagojn, kaj poste ankaŭ ili restos en mallumo, sen guto da oleo en la lucerno, ĉar tia estas la mondo, mia kara!... kion fari?...

Sed hodiaŭ paĉjo Simion ne emas paroli. Freŝa estas la tombo de sur kiu li balaas la foliaron kaj la marmoro estas starigita nur de du tagoj; la orumitaj literoj tremetas pro la sunradiaro: «ALEKSANDRO KORNEA», naskiĝis en 1849, Marto la 6-an, ekdormis en 1884, Septembro la 2-an. Silento. Aŭdiĝas nur la brueto de la balailo kaj la seka kraketo de la folioj; korvamasoj nigrigas la branĉojn de la arboj. La ĉielo estas kvieta, la tero dormas.

Paĉjo Simion scias, kiu eliros el la fermita kaleŝo ĵus haltinta ĉe la pordo. Estas sinjorino Kornea. Alta, pala, ŝi malrapide paŝas, kun okuloj estingiĝintaj pro doloro; malantaŭ ŝi facile ondas la longa funebra krepo pendanta de la kapo ĝis la dorso. Ŝi nenion vidas. La maljunulo sin retiras flanken; li komprenas kaj respektas la larmoferon alportatan al la tomboj.

La malfeliĉa virino!... Jen, ŝi estas juna, bela kaj riĉa... Vidu kiel ŝi staras genufleksinte kaj ploregas; tiel certe ĉiu homo havas vermon lin skrapantan! Sed ŝi forgesos kaj venos alia, kaj tiel ĝis kiam ŝi ankaŭ eniros la teron!

Dum kvardek jaroj paĉjo Simion vidis tiel multajn mortintojn, ke li ekkredis, ke li estas nemortonta. Kial do interesis lin tiel multe la vizitoj de sinjorino Kornea? Li ĉiam pensis pri la forgesitaj tomboj kaj de kelka tempo ĉiumatene li diris al si: nun mi ne plu kredas ke ŝi venos...

Li staris aŭskultante: de malproksime li konis nun la bruegon de la alvenanta kaleŝo; la troto de la ĉevaloj... «ŝi venas!» Tioma konstanteco kontraŭis lin.

Alvenis la vintro. La tuta tombejo estas blanka. Kiu lasas la unuajn paŝosignojn sur la freŝa neĝtavolo? Ĉu vi vidas, paĉjo Simion, ke ekzistas ankaŭ koroj kiuj ne tiel rapide forgesas?... Vidu kiel ŝi maldikiĝis!

Ŝi similas ombron, malpeza kaj tremanta kiel la funebra vualo pendanta de la kapo... La sama pia humiliĝo, la samaj neelĉerpeblaj larmoj sur la tombo fermanta la amon kaj la feliĉon de tiu nekonsolebla edzino! Kial vi movetas la kapon kun tia nekredemo? Paĉjo Simion, la gardado de la mortintoj malmildigis vin por la vivantoj.

:-: :-: :-:

Ekiĝanta printempo! La arboj ekfloras; el la tero de l'mortintoj kreskas forta vegetaĵaro; en la aero estas juneca parfumo, nedifinebla ektremo vokanta al amo. La pordego de la tombejo malfermiĝis, oni interpremiĝas, surdiga miksaĵo de voĉoj kaj veoj; la aro alproksimiĝas al la tombo, la ploregoj iĝas ĉiam pli korŝiraj kaj malesperaj.

La popoj deĵoras, la torĉoj kviete brulas, el la incensujo la fumo incensa el bluaj rondoj altenleviĝas...

— Ne prenu, lasu, ke mi ankoraŭ vidu ŝin...

Kiel stranga, teruriga voĉo! Junulo nigrevestita, deformita, freneza, baraktas, provas eliĝi el la brakoj de l'amikoj... «Eterna memoro» — kaj la muziko sufokas la ĝemadon. La aro disiras: la morta regno reiĝas en silenton. La suno subiras kun la sama imperiestra silento.

Plia malfeliĉulo, kiu venas ĉiumatene... Paĉjo Simion malrapide promenadas apud la tombaro; rigardante el la angulo de l'okulo, li murmuretas.

«Ili ne vidas unu la alian... certe ŝajnige!»

La vero estas,ke la distanco inter la du nekonsoleblaj estis tiel malgranda, ke ili facile estus povintaj vidi kaj aŭdi unu la alian, se iliaj animoj estus estintaj impresemaj por io ajn el la ekstera mondo.

:-: :-: :-:

Alvenis la belaj majaj tagoj. La arboj floras. Kiel dolĉe estas la vivo! Kies estas la infanetoj ludantaj tiel ĉarme, tiel gaje en la silenta morta regno? Paĉjo Simion lerte alproksimiĝas,kvazaŭ por ankaŭ kapti radion el tiom infaneca malŝparo... Ili estas nur triope, kaj kian bruon ili faras! La blonda knabineto, la plej granda, estas la idino de sinjorino Kornea, la knabeto kaj la bruna knabineto estas gefiloj de la mortintino. Jen, kiel ploras ilia patro, ploras kiel virino, korŝirige.

Kial vi tiel ruze rigardas, paĉjo? La infanoj interamikiĝis, certe, jam la unuan tagon — tiaj estas la infanoj. Mi scias, kion vi pensas. Sed inter la du animoj, malheliĝintaj pro senkonsoleco, estas frenezeco imagi ke povas ekiĝi... Kial vi movas la kapon?! Ĉu vi ne vidas, ke ili eĉ ne konas sin? Ili eĉ ne vidas sin. Por ili nek mondo,nek vivo plu ekzistas. Kaj, se ili sin vidus, se ili sin konus, se ili interparolus? Kion ili povus diri? Du tomboj estas inter iliaj koroj.

:-: :-: :-:

La suno, la suno de la someraj matenoj alsendas vivtorentojn; lumo varma, agrabla malsupreniĝas el la ĉielo; la tero haladzas. La arboj florojn disŝutas, en la aero estas amo.

— Pardonu, sinjorino... estas via ombrelo, se mi ne eraras.

— Mi dankas!

Ambaŭ mallevas la okulojn, kapklino, sed la sinjorino iom ruĝiĝis. La infanoj fingre interŝanĝas kisojn. Paĉjo Simion rigardas atente, kaj ridetas kiel ruza homo, kiu ĉion komprenas kaj silentas.

Iun aŭtuntagon, la infanoj triope eliris, bele mantenante. Kelkajn paŝojn poste, malrapide iris, kune, kun plorintaj okuloj, la gepatroj de la tri infanoj.

Sterniĝas foliaroj sur tiuj du tomboj, kaj paĉjo Simion ne plu balaas ilin. Nur preterpasante li movas la kapon kaj murmuretas:

«Nu, mi sciis ke oni vin forgesos.»

El la rumana lingvo tradukis:

PRAHANO.

EL LA FLANDRA LITERATURO.

# GAMPELARĈJO

de CYRIEL BUYSSE.

Tio okazis en decembro, ĉe vesperiĝo. Dum la tuta tago estis neĝinte, neĝinte sen fino nek halto, neĝin'e kvazaŭ por kaŝi la teron sub blanka kovrilo; kaj ekkrespuskis kiam la granda veturilo, kiu estis rulinta urben por esti tie ŝarĝata per nova vaporkaldronego, eksurrulis la korton de la fabrikejo. La ĉevaloj ŝaŭmellasis, la kondukanto, kaŝita kvazaŭ Eskimoo, sub sia fela ĉapo kaj sia malnova soldata mantelo, igis sian vipon klaki por la lasta tirklopodego. Grupo da scivoluloj kvazaŭ kunfluis. Mi lasis fermi la altan enirpordegon, maljungigi la ĉevalojn kaj la senŝarĝigo komenciĝis.

Du grandaj fortikaj lignaj arganoj estis metataj supre de la veturilo kaj kaldronego. Per ili la ŝtala monstro, ligita per ŝnuregoj kaj ĉenoj estus levota per kapstanoj. Post la leviĝo, oni devus forruligi la senŝarĝigitan veturilon, kaj tiam singarde, per iom-post-ioma delaso de la kapstanoj, malsuprenigi la kaldronegon ĝis sur la tero. Tio estis laboro simpla, sed ne sendanĝera.

Mi ordonis; la laboristoj klopodis; la scivoluloj kiujn mi ne sukcesis foririgi, staris rigardante. Inter ĉi-tiuj estis juna knabeto; li estis supozeble dekdujara; li estis malaltkreska, havis flavajn lignoŝuetojn kaj rondan nigran ĉapeleton kun pendanta rando sub kiu lia pala vizaĝeto estis preskaŭ tute kaŝita; oni estus dirinta: koboldeto. Mi konis lin je nomo kaj vido. Lia nomo estis Gampelarĉjo kaj li estis la sepa aŭ oka fileto de tre malriĉaj gelaboristoj. Senparole kaj senmove pro ekscitita intereso li alrigardis.

Homo. iafoje kapablas esti malbonkora ! Kiamaniere povis ĝeni al mi ĉu la knabeto staris tie, kiel ankaŭ la pli grandaj? Li faris ne eĉ la plej etan malbonaĵon; li tenis sin trankvila, trankvila kvazaŭ museto en faruno, por ne esti forsendata; kaj eble, ĉe la vido de tiu granda, danĝera laboro, utila, ne forviŝebla impreso enlokiĝis en lia malforta koreto. Sed pri tio mi ne pensis. La rapida kaj feliĉa antaŭirado de la laboro, forpelinta mian unuan timon pri malfacilaĵoj, estis vekinta en mi specon de egoista bonhumoro, kaj, admonita por esprimi tiun senton per io eksterordinara, mi kliniĝis, prenis iom da neĝo de l'tero, kunpremis ĝin kaj ĵetis ĝin al la knabo. La buleto falis sur la supro de lia ĉapeleto kaj postlasis tie kavaĵeton kaj blankan makulon.

La hometo ne diris unu vorton sed alrigardis min, iom timigite, kaj tuj certiĝinte ke mi estis la ĵetinto, li iris, ĉiam senparola, stari iomete pli flanken, malantaŭ la dorso de grandulo, de kie li ree alrigardadis la laboron per pligrandigita intereso.

Mi atendis momenton, kliniĝis ree al la tero, kolektis iom da neĝo, kunpremis ĝin pli forte kaj ĵetis duan buleton. Mallonga, malmultbrua

frapo trafis mian orelon, kaj ŝajnis al mi kvazaŭ mi vidis la knabeton, ĉiam silentantan, subite foriĝi kaj nevidebliĝi en la senĉese proksimiĝanta mallumo; sed mia atento estis ree vokata al la laboro.

Nun la kaldronego pendis sub la arganoj, levite per la brakodikaj cenoj kaj ŝnuregoj; la peza veturilo estis puŝata antaŭen; larĝa, malfermita spaco apartigis la pendantan monstron de la blanka neĝokovrita tero. Nun oni iomete-post-iomete delasis la kapstanojn; la ŝnuregoj krakas, la ĉenoj grincas! Malrapide en la fantoma krepusko la monstro malsupreniĝas al la tero. Ankoraŭ turneto, ankoraŭ unu, ankoraŭ unu, kaj sopiro finklopoda eliĝas el ĉies lipoj. Ni atingis la celon: la danĝera aĵo estas metita sur ĝia ĝusta loko, sen malfeliĉaĵoj.

Sed kia plorsingultado, kia malmultbrua vekrieto trafas nun subite niajn orelajn? Ĉi iu estas vundita? Timigata mi turnas min kaj staras antaŭ Gampelarĉjo.

— Kial ci ploras, hometo?

Li ploras kaj sopiras kun ambaŭ pugnetoj antaŭ la okuloj, sed ne respondas, ne diras kial...

— Ĉu ci estas vundita? Ĉu ci havas doloron?

Li jesas per la kapeto.

— Kie?

Mi paliĝas pro la ideo ke eble unu el la kapstanoj...

— Tie-ĉi, li singultas montrante per sia mano al sia buŝeto.

Mi rigardas je la lumbrilo de proksimiĝinta lanterno kaj vidas mallarĝan linieton de sango kiu, miksita kun larmoj kaj nazmalpurajetoj, fluis laŭ lia mentono.

— Kio kaŭzis tion? mi demandis ĉiam pli maltrankviligata.

— Tiu lasta neĝbulo.

Ho Gampelarĉjo, mi cin karesis kaj kisis kaj konsolis kaj cendojn donis, sed ne, mia pento kaj kompato ne forviŝis la dolordonan emocion kiu sekvis mian malgrandan malbonfaron, ĉar kio min en tio emociigis, ne estis ĉefe mia malbonfaro en si mem, nek via infana malĝojo, nek eĉ tiu mallarĝa linieto de sango kiu, miksita kun larmoj kaj malpuraĵetoj, fluis laŭ via mentoneto, sed ja, la silenta rezignacio per kiu vi akceptis mian barbaran agmanieron, via trankvila submeto al nemeritita insulto, tiu plena kvazaŭ kunnaskita antaŭsento pri tio kio via estonta vivo devos esti: esti malriĉa, ... suferi, infano, ... kaj silenti!

Tradukis L. COGEN.

---

## ESPERANTO FACILA.

# LA MIRINDA SPEGULO

Antaŭ multaj jaroj vivis ie, en pentrinda lando, juna reĝidino mire bela. Tiu knabino, malfeliĉe, estis ĉirkaŭata de neskrupulemaj flatuloj kiuj pensis, per flatoj, altiri al si la favorojn de sia estonta reĝino.

Ne preterpasis tago, dum kiu ŝi ne estis serĉinta novan ornamaĵon plibeligontan, ĉu ŝian ondiĝantan hararon, ĉu ŝian delikatan vizaĝon.

Siajn koketajn konfidenciojn ŝi kutime faris al malgranda, ora speguleto, iam ricevita de riĉa vizitanto. Tiu juvelo, je ŝia vekiĝo, reflektis la unuan rideton de ŝiaj purpurecaj lipoj. Kaj kiam la luno jam alte en la ĉielo staris, kaj la princinaj okuloj laciĝis, ĝi ankaŭ ricevis ilian lastan rebrilon.

Tia frivoleco tre ĉagrenis la reĝinon kiu, bona kaj akrevida, antaŭvidis, por sia filino, estontecon plenan je elreviĝoj kaj suferoj. Ĉiamaniere jam, sed vane, ŝi klopodis por malfermigi la okulojn al sia amata infano, kiu distreme ŝin aŭskultis, blinde kurante al sia malfeliĉo!

Ian tagon, kiam ŝia patrinkoro trolpleniĝis kaj bezonis malŝarĝiĝi, ŝi pensis al la maljuna klerulo kiu, dum jaroj, estis la sindona konsilanto de ŝia mortinta patro.

Ŝi iris do al li, kiun travivita sperto altigis al kompreno kaj kuracpovo de ĉia doloro.

En maldensejo de arbaro, kiun milda klimato plenigis je floroj kaj riĉkoloraj birdoj, troviĝis dometo. Sur benko, ĉe la pordo, kiun floranta glicinio ombras, sidis la saĝulo.

Solece li tie vivis kaj senlace meditis pri la vivo, ĝiaj puraj floroj, sed ankaŭ ĝia malpura koto. Birdoj estis liaj kutimaj kunvivantoj kaj tiel, meze de la bela naturo, kviete kaj sen timo, li atendis la malvarman kison de la neevitebla falĉistino.

Li do sidis, ĝuante pro la sunkaresoj, kiuj milde varmigis lian malfiekseblan, maljuniĝintan korpon, kiam alvenis la reĝino.

— Filino mia, diris li, mi vidas ke la ĉagreno vin vizitis, kuraĝon! kaj senpezigu senhonte vian koron.

Larmoj fluis el la patrinaj okuloj; ili fluis, abundaj kaj maldolĉaj. Kiam ŝi iom kvietiĝis, ŝi, per malmultaj vortoj, rakontis ĉion kio okazis. Estis tre dolore al ŝi, ĉar patrino nevolonte malkaŝas la erarojn de sia infano.

La maljunulo kelkan tempon pripensis.

— Ne malesperu, o reĝino, li diris. Mi elpensis rimedon kiu nepre sukcesos. Havigu al mi la speguleton de la princino. Malgrandan ŝanĝon mi al ĝi faros. Poste, sin spegulante en ĝi, ŝi nur povos vidi trajtojn plimalbeligitajn. Mi ankaŭ donos al vi tiun ĉi boteleton. Ĝian enhavon vi enverŝos en tason da teo, kiun vi trinkigos al via filino. Ne timu se ŝi, kelkajn horojn pli malfrue, sin trovos laca kaj febra. Estos tute sendanĝere, sed tio permesos al vi rakonti, kiam ŝi resaniĝos, ke malsano ŝin subite atakis lasante, malfeliĉe, bedaŭrindajn postsignojn. Ŝi eĉ, sendube, nervan atakon havos sed lasu ŝin, post kelkaj tagoj la kvieto nature revenos.

Al la reĝino nun, kiam ŝi estis forlasinta la saĝulon, mallonga ŝajnis la vojo, kaj malpeza la koro.

Ŝi ĉion faris laŭ la konsiloj al ŝi donitaj. Timiga estis la efiko. La princino, kiam ŝi resaniĝis, ne forgesis konsulti sian spegulon. Sed ŝi,

subite, mortepala aspektis. Kaj kiam ŝia patrino, je ŝia demanda rigardo, ŝin malgaje diris ke la malsano ŝin malbeligis, ŝi, kun freneza ridado, forĵetis la spegulon kaj teren falis ploregante. La atako longe daŭris, sed, iom post iom, la kvieto revenis. Tiam ŝi petis ke oni formeti ĉiujn spegulojn de la palaco por, kiel eble plej malofte, rememori pri la malfeliĉo al ŝi okazinta.

En la komenco, al la knabino, longaj ŝajnis la tagoj. Sed, ĉar la fundo de ŝia naturo estis bona kaj tute ne vulgara, ŝi pripensis multe kaj konstatis la vanecon de l'eksteraĵo kaj la neceson de la interna beleco.

De tiam, vespere, ŝi konsultis, ne plu sian oran speguleton, sed la spegulon de sia konscienco, kiu fariĝis pli kaj pli hela. La nescio de sia beleco donis al ŝi modestan sinteniĝon, kiu plibeligas multe pli ol kia ajn ornamaĵo. La boneco, kiu lumigis ŝiajn okulojn, altiris al ŝi, ne flatojn, sed sindonajn amikecojn.

Ian tagon, kiam ŝi al sia patrino konfesis ke ŝi fariĝis tute feliĉa, la reĝino pensis, ke la tempo alvenis malkovri, al sia filino, sian artifikon.

La retrovo de sia beleco lasis la princinon tute indiferenta. Ŝi jam tiom da feliĉo provis sen ĝiaj vanaj kontentecoj!... Sed larmoj de dankemeco fluis el ŝiaj okluoj kiam ŝia patrino ŝin feliĉe premis sur sian koron!

Originale verkis:
LUCETTE FAES - JANSSENS.

---

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

**Koopera Societo.**

**Fondita: 1 Marto 1926 (Belga Ŝtatgazeto 13-3-26. Akto No 2253).**

**Sidejo: Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien, Antverpeno.**

---

«Belga Esperanto - Instituto» ekzistas unu jaron. Ĝenerala kunveno de la membroj-akciuloj okazis la 1-an de Majo 1927, dum kiu la Administrantaro prezentis sian raporton kaj bilancon pri la pasinta societa jaro.

El la raporto ni citas, ke la komenca kapitalo de Fr. 12,500 estas pli ol duobligita: ĝi atingas nun Fr. 27.700.—, el kiu sumo estas pagita Fr. 10.050.—. La nombro de la akciuloj, 13 je la starigo, estas nun 47.

La societo, krom la ordinara komerco de esperanto-librejo, entreprenis kelkajn proprajn eldonojn, inter kiuj estas citindaj la Flandra «Ruĝa broŝuro» (16.000 ekzempleroj), du serioj de poŝtkartoj kaj naŭ diversaj modeloj de Esperanto-insignoj. En preparo estas la Flandra ŝlosilo, propagandaj leterpapero, kovertoj, poŝtkartoj kaj sigelmarkoj,

Belga Antologio (1 volumo el Flandra kaj 1 volumo el Franca literaturo), Flandra traduko de la broŝureto de Unuel «Esenco kaj Estonteco de la ideo pri internacia helpa lingvo»,speciala eldono por nia lando de la franca «ruĝa broŝuro», vortaroj Flandra-Esperanto kaj Esperanto-Flandra. Plie la B. E. I. estas preta eldoni ilustritajn poŝtkartojn kun Esperanto-teksto pri aliaj Belgaj lokoj, interkonsente kun la lokaj Esperantistoj, kiuj volos sin tiucele turni al ĝi. Fine estas pretaj korespondaj kursoj en Franca kaj en Flandra lingvo, kiuj sendube multe helpos la disvastigon de nia lingvo en la malgrandaj lokoj de la lando. La societo ankaŭ subvenciis la perradio-kursojn de Belga Ligo Esperantista.

Jen la bilanco prezentita de la Administrantaro kaj aprobita de la ĝenerala kunveno:

AKTIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Akciuloj: pagota kapitalo | Fr. | 17.650.— |
| Poŝtĉekkonto | Fr. | 3.979.63 |
| Inventaro | Fr. | 7.169.20 |
| Ŝuldantoj | Fr. | 2.661.55 |
| Laŭstatutaj garanti-deponoj de Administrantoj kaj Komisaroj | Fr. | 4.000.— |
| | Fr. | 35.460.38 |

PASIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Subskribita kapitalo | Fr. | 27.700.— |
| Kreditoroj | Fr. | 779.25 |
| Laŭstatuta rezervo 15 % (Amortizo inventaro) | Fr. | 1.045.38 |
| Rezervo por necertaj ŝuldantoj | Fr. | 215.60 |
| Rezervo por nia subvencio «Radio-Kurso» | Fr. | 100.— |
| Laŭstatutaj deponintoj | Fr. | 4.000.— |
| Neta profito | Fr. | 1.620.15 |
| | Fr. | 35.460.38 |

La ĝenerala kunveno aŭdinte la raporton de la komisaroj, laŭ propono de la Administrantaro aprobis la dividon de la neta profito de Fr. 1.620.15 laŭ jena maniero:

| | | |
|---|---|---|
| Rezervo por impostoj (22 %) | Fr. | 361.93 |
| Laŭleĝa rezervo (5 %) | Fr. | 82.26 |
| Dividendo de 7 1/2 % jare al la pagita kapitalo | Fr. | 477.59 |
| Administrantoj kaj komisaroj | Fr. | 170.— |
| Al la fondintakcioj (Fr. 0.60) | Fr. | 154.20 |
| Al eksterordinara rezervo | Fr. | 159.21 |
| Al «Belga Ligo Esperantista» | Fr. | 159.21 |
| Saldo transportota al sekvanta societa jaro | Fr. | 55.75 |

Laŭstatute, S-ro G. Vermandere estis indikita per la sorto kiel eliranta Administranto. Li estis reelektita por 6 jaroj. F-ino Car. De Buyser, komisarino, decidis eksiĝi pro manko de tempo, kaj estis anstataŭita per S-ro René Geerinck, bankdirektoro, el St. Niklaas.

Per du specialaj voĉdonoj la ĝenerala kunveno de la membroj kvitigis de administrantojn kaj la komisarojn de ilia direktado dum la unua societa jaro.

Malgraŭ la ne tre grandaj rimedoj dum tiu komenca jaro, ni povas diri, ke «Belga Esperanto-Instituto» montris sian viveblecon kaj pravigis sian stariĝon. Ne nur ĝi efike helpis la ĝeneralan propagandon en nia lando, kreante novajn Esperantistojn, do: novajn membrojn de nia Ligo kaj de U. E. A., ne nur ĝi donis praktikan helpon al ni subvenciante niajn radio-kursojn kaj forlasante parton de sia profito al Belga Ligo, sed plie ĝi atingis financan sukceson, formante prudentajn reservojn kaj disdonante jam de la unua jaro **rentumon de 7.50 %** nete de la kapitalo.

Tiuj faktoj parolas pli elokvente ol la plej lerta retorikaĵo. Ni povas konkludi jene: Ni nun posedas en nia lando organizaĵon, kiu sur firma kaj solida fundamento laborante, helpas nian propagandon kaj niajn instituciojn: la Belgaj Esperantistoj ĝin subtenu!

---

Akcio de B. E. I. kostas Fr. b. 100.—, de kiu estas pagebla je la aĉeto 20 %, la saldo po 10 % ĉiujare.

---

# HUMORO

ABONANTO:

Juĝisto: La tribunalo kondamnis vin pro ĉiu el la dek-kvar ŝteloj je unu monato da malliberigo, tamen tiu puno estas reduktita entute ĝis unu jaro.

Fripono, palpebrumante al la juĝisto: Jes, mi komprenas... abontarifo, ĉu ne?

ALIA INTENCO:

Edzino: Kiam mi estos mortinta vi neniam plu havos edzinon kiel mi.

Edzo: Tio estas almenaŭ konsolo.

KOMERCA SPIRITO:

Ŝi: Aĉetu monujon por mi.

Li: Aĉetu vi mem.

Ŝi: Mi ne havas monon.

Li: Tiam vi ankaŭ ne bezonas monujon.

NEATENDITA HELPO:

Studento vekiĝas dum la nokto pro granda bruo en sia ĉambro: Kiu estas tie? li krias.

Ŝtelistoj: Restu tranvila, ni serĉas monon.

Studento, subite leviĝante: Atendu, mi serĉos kun vi!

NIA PRAPATRA TEATRO EN ESPERANTO.

# PROLOGO

Kiel kuriozaĵo, ni enpresas ĉi-sube prologon deklamitan en la «Pulĉinela Kelo» de Antverpeno, okaze de iu vizito de la grupo «La Verda Stelo».

Pulĉinelo Ursono (speco de hom-besto, armata per bastono) aperas sur la scenejo kaj brute aŭ emfazege diras, laŭ kutima pulĉinelmaniero:

Sinjoroj, sinjorinoj,
Fraŭloj kaj fraŭlinoj.

Mi petas vin ĉesigi kriegadon,
(Precipe la virinan vortkaskadon!)
Se ne mi kantos vian mortkantadon,
Mi tuj desaltos tiun ĉi estradon
Bastonegbatos vian buŝ-fasadon
Ke vidos vi da steloj miriadon:
Mi vin manĝegos kiel karbonadon,
De via cerb' mi faros marmeladon,
De via graso faros mi pomadon,
El via sango trinkos limonadon,
Sur viaj ostoj blovos serenadon,
Pri via vivo skribos mi baladon!

---

Sanktigita estas tiu kelo
Kiel granda regno Izraelo.
Malaperos trono kaj bordelo,
Malaperos reĝo kaj anĝelo,
Restas tie ĉi la citadelo
De la tutmonda homa pulĉinelo,
Reprezentata per la «Verda Stelo»!
En pupo kun mantelo aŭ kitelo,
Rekonu vin sur propra la nivelo
Ĉu, inter vi, ne estas paralelo
Vi, ĉu karamelo, ĉu ŝrapnelo
Kaj perfadenmovita la modelo?

---

Ha! Vi ne ŝatas tiun klasifikon?!
Vantuloj ne toleras la kritikon!
Anstataŭ ja aŭskulti pontifikon
Admiru do la propran umbilikon!
En pulĉineloj trovos vi publikon!
Konstruu do grandegan bazilikon
Por adorigi superegan la cinikon.
De la kranioj viaj faru brikon

Faru per la cerb' morterfabrikon
Jen bastoneg'. Mi serĉas la aplikon!
Ha! la leonoj sentas jam... kolikon!
Ke oni portu ilin en klinikon!

---

Ne, pura restu via pantalono:
(Por malsaĝul' ekzistas la pardono!)
Mi per akordeono, saksofono,
Per klariono, violon', trombono,
Plej tuŝa ton' de voĉ-diapazono,
Mi, en pulĉinela la ĵargono
Prikantos vin. Mi estas mastodono
Konfesas mi, neniam tamen mono
De mi donita estis kun l'admono
«Insultu min... laŭ mia la bezono!»
Vi estas idiota legiono
Vi ŝajnas io... Estas fanfarono!

---

La komitato havas bonan flaron
Ĝi ege ŝatas idiotan aron.
Tio faciligas akaparon
De l'monujoj. Ĉesu l'dentoknaron!
Se vi jam havas novan kalendaron
Substreku bone duan Januaron.
Vi perdis tiam iluzion, haron
Kaj monon. Vidu vian inventaron!
Per via mon' ni mendis jam preparon
Festenan. Ne forgesu buŝgargaron
Por ke bezone mi ne trovu baron
En ĝin kraĉante! Laŭdu mian faron!

---

## ŜIPVETURADO AL DANZIG

Okaze de la 19a Universala Kongreso de Esperanto, laŭ priparolo de nia Samideano Georges Delanoue, Ĉefdelegito de U.E.A. en Paris, la «Compagnie Générale Transatlantique» konsentis pri la jena aranĝo:

Eventuala forveturo el Le Hâvre (Francl.) la 21-an/23-an de Julio 1927, per la vaporŝipo «La Pologne», al Gdynia, apud Danzig, tra la Kanalo de Kiel.

Daŭro de la surmara vojaĝo: tri tagoj kaj 10 horoj.

Specialaj favorprezoj por Kongresanoj: (1)

1a klaso: 500 francaj frankoj, el Le Hâvre, ĉio enkakulata.

2a klaso: 350 francaj frankoj, el Le Hâvre, ĉio enkalkulata.

3a klaso: 250 francaj frankoj, el Le Hâvre, ĉio enkalkulata.

Rimarkoj:

a) tiu projekto estas inda je la atento de ĉiu kiu dumsomere volas profiti malmultekostan kaj ripozigan ŝipveturadon sur trankvilaj maroj.

b) se el Britlando, Belgujo, Nederlando, Danujo ktp., estos sufiĉe multnombraj enskribiĝintoj, la ŝipo haltos ĉu en Dover, ĉu eventuale en alia haveno de la Norda Maro.

c) estas nepre necese enskribiĝi kiel eble plej frue, por ke tiu interesa aranĝo efektiviĝu. Estas disponeblaj nur: 25 lokoj en 1-a kl.; 65 lokoj en 2-a kl.; 250 lokoj en 3-a kl.

d) por pliaj sciigoj kaj enskribiĝo, sin turni al «Compagnie Générale Transatlantique» (Inspection Générale des Passages), 6, rue Auber, PARIS, 9e. Skribu nacilingve aŭ per Esperanto.

e) principe la laŭvola rea ŝipveturado al Le Hâvre povos okazi nur ĉirkaŭ la 8-a/10-a de Aŭgusto, laŭ jamnuna enskribiĝo.

f) Tre verŝajne, post la 20-a/25-a de Junio, oni ne plu povos enskribiĝi.

Kaj nun la flirtado de la verda Flago dependas de la Esperantistaro.

---

La Belgaj samideanoj, kiuj dezirus partopreni tiun karavanon al Danzig, bonvolu sin turni al S-ro Schoofs, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien, Antverpeno, kiu estas preta fari ĉiujn komunajn aranĝojn.

---

(1) La Franca Franko nun valoras proksimume Belga Franko 1.40.

---

# DIVERSAJ INFORMOJ.

ALVOKO AL INTERŜANĜISTOJ, FILATELISTOJ KAJ KOLEKTISTOJ DE POŜTKARTOJ. — Estas proponata la kreado de vasta asocio por permesi al ĉiulandaj kolektistoj reciprokan interkonatiĝon instigantan al ĉiuspecaj interŝanĝoj. Tiu asocio posedos sian propran gazeton redaktotan franclingve kaj Esperante. La kotizo estas 14 francaj frankoj; membroj de U. E. A. pagas nur fr. fr. 12.—. Pliajn informojn volonte donas: S-ro Levy, 45, rue Courloison, Provins (S. et M.), Francujo.

LA XIIIa INTERNACIA KONGRESO DE STENOGRAFIO okazos en Bruselo, de la 4a ĝis la 8a de Aŭgusto 1927. La instruada sekcio enhavas temon «Esperanto». La raportoj kaj komunikoj devas alveni antaŭ la unua de Junio. Premio de 1000 fr. nomita «Georges - Buis-

son» estos aljuĝata al la aŭtoro kiu, en la Kongreso, persone prezentos raporton pri demando, kies solvo estos konsiderata kiel tre grava kaj facile realigebla. — La kotizo kongresa estas bfr. 10.—. Ĝenerala Sekretario: Sro De Baerdemaeker, 31, rue d'Anethan, Bruselo. (C. Chèques post. 1526.34).

HUNGARA FREMDULAFERA STUDENTKOMISIONO EKUZIS ESPERANTON! — Jam de kelkaj jaroj funkcias la Hungara Fremdulafera Studentkomisiono, starigita de ĉiuj studentkorporacioj en Hungarlando. H. F. S. estas registare rekonita kaj finance subtenita. Tiamaniere ĝi sukcesis aranĝi dum lastaj 4 jaroj pr. 150 studvojaĝojn al eksterlando kaj akceptis 97 foje eksterlandajn studentkaravanojn, kun ĉ. 4500 gepartoprenintoj, venintajn al Hungarujo. Ĝi organizis Internacian Studentkonferencon en Parad, hungara belega banurbeto, en 1923 kaj ĝi reprezentas ĉe studentkonferencoj la hungarajn universitatanojn.

Nun por siaj praktikaj celoj ĝi volas enkonduki ankaŭ Esperanton. Ĝi stariĝis Esperantan referaton sub gvido de S-ro Alfonzo Pechan kaj organizis kurson por studentoj vojaĝontaj somere eksterlanden.

Esp.-referato de H. F. S. do petas ĉiujn studentojn izolajn, studendentunuiĝojn kaj ĉiun Esperantiston al amika kunhelpo por organizo de tutmonda interrilatiĝo. Adreso por korespondajoj kaj informpetoj: Esperanta referato de Hungara Fremdulafera Studentkomsiono. Budapest, IV. Muzeum korut 41. felem. (Hungarujo).

3a NEDERLANDA ESPERANTA KONGRESO. — Haarlem, la 28an kaj 29an de Majo 1927. — Tiu ĉi kongreso promesas esti eksterordinare grava. Krom la 40-jaran ekzistadon de Esperanto, la Nederlandaj samideanoj festos la 25-jaran ekzistadon de la movado en sia lando.

Multaj aŭtoritatuloj interesiĝis la kongreson, Lia Ekselenco la Ministro de Instruado, Artoj kaj Sciencoj, S-ro Mr M. A. M. WASZINK, fariĝis patrono de la kongreso. Honorprezidanto estas la Komisario de Ŝia Reĝina Moŝto, por la Provinco Noord Holland, S-ro Jhr. Mr. Dr. A. ROELL. Prezidanto de la honorkomitato estas la Urbestro de Haarlem, S-ro C. MAARSCHALK.

Alloga programo estas aranĝata, kiun ni poste anoncos. La plej grava punkto por la Esperantistoj estas la vizito de Dr EDMOND PRIVAT.

La kongresa komitato invitas la eksterlandajn Esperantistojn viziti la kongreson. Precipe la landoj,ĉirkaŭ Nederlando,estas petataj sendi delegiton, por montri al la aŭtoritatuloj, kiel grava la Esperantomovado estas.

Samideanoj, venu al Haarlem, la florurbo. Kongreskotizo F 2.—.

Sekretariejo: Sro A. RUTGERS, v. Hogendorpstraat, 9, Haarlem.

ESPERANTO & KOMERCO, PRAHA. — En ejo de la komerca ĉambro de Praha okazis dum la Printempa Foiro la 21. de marto la stariga kunveno de faka organizaĵo «Esperanto & Komerco», societo por apliko de Esperanto en komerco kaj industrio, Praha XII. Bozetech, 6, Ĉeĥoslovakio,kies celon diras jam ĝia titolo.La societo,gvidita de seriozaj komercistoj kaj bonaj esperantistoj, volas per Esperanto labori por komerco kaj industrio Ĉeĥoslovakaj kaj per rezultoj de sia laboro akceli la ĝeneralan uzon de nia lingvo en tiu medio.

Kiel aktivaj membroj estas akceptataj memstaraj komercistoj kaj gvidantoj fakaj oficistoj ĉeĥoslovakaj, sciantaj Esperanton.

Al reciproka kunlaboro estas invitataj samspecaj seriozaj organizaĵoj ĉiulandaj. Al ili ni sendas kolegan saluton kaj peton, ke ili bonvolu baldaŭ ekrilati kun mi.

Ĉiujn leterojn adresu al la Sekretario de la societo: Vl. Brambora, Praha XII. Bozetech. 6.

PASKAJ TAGOJ SUR LA MARBORDO. — Niaj ĉarmaj banurbetoj jam prenis sian festan vestaĵon por akcepti la unuajn taĉmentojn de vizitantoj kiuj, multnombre, alvenis dum la Paska libertempo. Dank' al la bela vetero, La Panne, Coxyde kaj Oostduinkerke estis plenplenaj! Ni ekscias ke niaj fervoraj amikoj Benoit kaj Van Dooren ne perdis sian tempon dum vintro; ili gvidis esperantajn kursojn kiujn fervore sekvis multaj lernantoj. Iliaj klopodoj havis bonan sukceson, kaj niaj samideanoj, Belgaj kaj eksterlandaj, trovos tie hotelojn kaj komercejojn en kiuj Esperanto estas parolata.

Tiuj, kiuj intencas pasigi agrablan libertempon en agrabla marborda restadejo, skribu tuj ĉu al S-ro Benoit, Grand'Hôtel, Oostduinkerke, ĉu al S-ro Van Dooren, «Regina Maris», La Panne.

## BIBLIOGRAFIO.

RAPORTO DE LA AEROLOGIA OBSERVATORIO DE TATENO, No I. 1926. Eldonis la Aerologia Observatorio, Tateno apud Tutiura (Ibarakiken), Japanujo, 213 paĝoj. 22 × 30 cm. Prezo nemontrita.

Tre interesa scienca dokumento, kiu pruvas, ke en Ekstrem-oriento la sciencaj rondoj sentas la praktikecon de la uzo de nia lingvo por la diskonigo de la rezultoj de siaj studoj.

VOLKSLEERBOEK DER WERELDHULPTAAL de Dreves Uitterdijk. 1926. Eldonis N. v. Holanda Esperanto-Oficejo, Laren N. H. 92 paĝoj. 15 × 22 cm. kun aldonita ŝlosilo. Prezo: Fl. 1.25 (Dol. 0.50).

Bona lernolibro por personoj, kiuj deziras akiri la lingvon sen profesoro. Multaj bone elektitaj ekzercoj kondukos la lernanton al la celita rezulto.

UNIVERSALA ESPERANTA LERNOLIBRO de D-ro A. Moebusz, Parto I-a: Por kursanoj. Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin & Dresden. 116 paĝoj, 14 × 22 cm. Prezo: Rm. 2.—.

Tiu nova lernolibro, kiu estas uzebla en kiu ajn lando, ĉar ĝi ne enhavas nacilingvajn tekstojn, estas tre bone konceptita. La gramatika materialo estas tute laŭorde pritraktita kaj ilustrita per trafaj ekzemploj kaj ekzercoj. Oni eble povus bedaŭri, ke la aŭtoro opiniis necesa la instruon de la t.n. prefikso mis —, de la sufikso — end kaj de la landnomaj formoj Belgio kaj Svisio. La aranĝo de la libro, kun libera spaco por traduko de vortaretoj kaj dialogoj en la nacian lingvon de la lernanto estas tre praktika.

UNIVERSALA ESPERANTA LERNOLIBRO de Dro A. Moebusz. Parto II-a: Por kursgvidantoj (Metodo de Esperanto Instruado) 1926. Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin & Dresden. 32 paĝoj, 14 × 22 cm. Prezo: Rm. 1.50.

Gvidilo, kiun uzos kun granda profito la profesoroj, kiuj instruas per la antaŭe citita lernolibro.

ACHTUNG! WELLE ESPERANTO, de Arnold Behrendt. 1926. Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin & Dresden. 56 paĝoj, 13 × 18 cm. Prezo: Rm. 0.90.

Malgranda tre praktika lernolibro de Esperanto por la perradio-kursoj.

VERDKATA TESTAMENTO de Raymond Schwartz. Deponejo ĉe Centra Esperantista Librejo, Paris. 1926. 121 paĝoj, 13 × 17 cm. — Prezo: Fr. fr. 10.—.

Mirinda Esperantigo de la franca sprita literaturo petolema, kelkfoje iom «riska». Malbonhumoraj samideanoj tuj mendu kaj legu la libron! Tiuj kiuj dubas ankoraŭ, ke Esperanto estas vivanta lingvo, studu la kolekton de gajigaj versoj de Schwartz, kiuj estas vera ĉefverko en sia speco.

FABELOJ de Andersen — Plena Kolekto — Unua parto. Tradukis D-ro L. L. Zamenhof. 2-a eldono. 1926. Eldonis Esperantista Centra Librejo, Paris, 152 jaĝoj. 15 × 21 cm. Prezo: 6.— fr. fr

FABELOJ de Andersen — Plena Kolekto — Dua parto — 1-a eldono. Tradukis L. L. Zamenhof. 1926. Eldonis Esperantista Centra Li-Librejo, Paris, 152 paĝoj. 15 × 21 cm. Prezo: 6.— fr. fr.

Tiuj de libroj, verkitaj de nia Majstro estas nova kolekto de belaj tekstoj, kiujn ni plej varme rekomendas al ĉiuj Esperantistoj. Ili pligrandigas la libraron, kiu devus esti uzata kiel modela klasika literaturo, kiun devus studi ĉiu nova samideano. La societoj kaj profesoroj ne devus preterlasi atentigi la personojn, kiuj finis kurson, pri la ekzisto de la Zamenhofa kolekto eldonita de Centra Librejo en Parizo.